XXXIII-a Jaro — N-ro 449 — 25 Septembro 1937


# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio


# La iniciato de Senatano Abbot

## Resuma klarigo redakcia - Vizito de Profesoro Bovet - Invito al agado

Sendube la legantoj aŭdis aŭ memoras pri la iniciato kiun entreprenis aŭstralia Senatano Mac Cartney Abbott. La senatano proponis interŝtatan konvencion pri lingva interkomprenilo. Por atingi tian konvencion tra la Ligo de Nacioj Senatano Abbott akcelas la fondon de organizaĵo kies tasko estas kolekti la necesan materialon, dokumentojn, pruvojn, por esplori la staton de internacilingva movado.

Sur la bazo de tiu ĉi materialo, Senatano Abbott intencas daŭrigi siajn klopodojn, ĉu pere de registaro aŭstralia ĉu alie.

Jen tiel statas proksimume la iniciato de l'aŭstralia senatano.

Dum tiuj tagoj ni ricevis aerpoŝtan leteron el Melbourne, kiun ni represas tie ĉi.

« Okaze de la konferenco en Aŭstralio de **The New Educational Fellowship** (La Nov-Edukada Fratularo), en Aŭgusto 1937 renkontiĝis en Canberra, F.C.T., Profesoro Pierre Bovet el Ĝenevo kaj Abbott, kies proponon akceptitan de la Senato, oni konigis en la gazetoj antaŭ ne longe.

Senatano Abbott komencis ekfondi International Fellowship (Internacian Fratularon) por organizi propagandon por lia ideo pri la oficiala elektado de Internacia Lingvo, kiu povos esti iu alia ol Esperanto, se la Esperantistoj mem ne agos. Kiel sekvo de la antaŭaj raportoj pri la afero, Senatano Abbott ricevis multajn korespondaĵojn el la tuta mondo, sed, ho ve!, ili ankoraŭ restas en granda sako, kaj pro manko de helpo kaj nescio de la lingvo, la Senatano ne povas ilin rekte respondi. Sed la afero ne restos tie. La senatano havis personan intervjuon kun Profesoro Bovet, kaj kompreneble la fama profesoro kuraĝigis la Aŭstralianon pri sia projekto. Ankaŭ Prof. Bovet ĉie en siaj prelegoj forte propagandis por Senatano Abbott, kaj revekis grandan intereson pri kio ĉiuj pensis ke estis nur kelktaga mirindaĵo.

Konsilinde estas, ke la Esperantistaro denove inundu Senatanon McCartney Abbott, Parliament House, Canberra, F.C.T., Aŭstralio, per kiel eble plej multe da leteroj. Se vi deziras scii detale pri la agado de la fondita International Fellowship de Senatano Abbott, t.e. se antaŭaj skribintoj kaj ankaŭ nunaj skribantoj al Senatano Abbott volas nepran respondon, agu jene : Sendu en letero koverton, sur kiu estas skribita via nomo kaj adreso kaj en kiu vi metu ankaŭ respondkuponon (aŭ alian valoraĵon pli grandan se vi volas helpi la agadon de la Aŭstralia komitato), al Sro. L. Thomson, c/o- R. Rawson,

169 Exhibition Street,
Melbourne, Aŭstralio.

Melbourna Komitato tiam respondos nepre al interesuloj pri la progreso de la Abbott-a Afero.

Estos ankaŭ konsilinde eĉ se vi ne volas respondon personan, ke vi konigu al Sro. Thomson vian nomon kaj adreson, tiel ke la Aŭstralia Komitato scios senpere proksimume kiom da respondoj ricevis Senatano Abbott de alilanduloj esperantistaj. Dume, oni klopodos kun Senatano Abbott kaj se eble aranĝos, ke Esperanto estu oficiale uzita kiel perilo de korespondado, de la nova Fellowship de li fondita. Kaj ne necese kiel indiko ke la Abbott-Fondaĵo nerevokeble adoptas Esperanton kiel la nura Internacia Lingvo.

L. THOMSON.

# Thomas G. Masaryk
## 1850 - 1937

**De l'kabano al kastelo...** tiel oni povus diri pri la vivo de la forpasinta unua prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko. Filo de malriĉaj gepatroj, la vojo al la gloro estis dornoplena kaj multaj el liaj nunaj admirantoj akre kritikis lin en tempo kiam Masaryk defendis la veron, detruinte ame karesitajn iluziojn. Ne per brilaj oratoraĵoj, sed per la simpla plenumo de akceptita devo, Thomas G. Masaryk, fariĝis kreinto de la ŝtato kaj la « paĉjo » de lia popolo.

De Hodonin, vilaĝo en Suda Moravio, kie li naskiĝis, lia vojo lin kondukis al Vieno. En la okdekaj jaroj de la pasinta jarcento, li estis alvokita al Praha, kie li instruis filozofion ĉe la ĉeĥa universitato. Estis la tempo kiam la ideoj naciismaj kreskigis ĉie strangajn florojn. Severa kritikanto kaj antaŭ ĉio honesta homo, la juna profesoro riskis ĉion, defendinte energie veron kaj sciencan korektecon. Por la ĉeĥoj, la « Manuskriptoj » de Kraluv Dvur (Königinhof) estis kvazaŭ nacia eposo kaj lerta propagando faris la sian. Nu, Masaryk pruvis kuraĝe kaj konvinkige ke tiuj « manuskriptoj' estis nenio alia ol falsaĵo datiĝanta el la romantika epoko de la 19-a jarcento. Tiel li sin enkondukis en la publikan vivon kiel necedema batalanto defendanta sciencan veron kaj moralan respondecon.

Masaryk, filozofie orientiĝinta al la spirito anglosaksa, dediĉis sin al funda studo de slavaj nacioj. El detala studo pri la historio de propra nacio rezultis serio da sciencaj verkoj (Bohema problemo, Havlíček, k.a.), en kiuj li formulis la filozofion de la ĉeĥa historio.

Unuflanke intereso pri sorto de slavaj nacioj, aliflanke intereso pri la tutmonda paco igis Masaryk iniciati du farojn de vasta signifo. Frukto de lia unua multjara laboro estis klasika verko « Ruslando kaj Eŭropo ». Kaj lia dua laboro estis la interveno por akuzitaj sudslavoj, dum la Zagreba kaj la Friedjung'a procesoj, kiam li, kiel ĉefo de politika grupo realista, en la Viena parlamento sen-



maskigis la nemoralecon de la balkana politiko de Aehrenthal.

La milito, kruela konsekvenco de ĉi tiu politiko elpelis profesoron Masaryk el la patrujo. Li decidiĝis elmigri kun la intenco batali por la liberigo de la ĉeĥoj kaj slovakoj. Kiel elmigrinto kaj ĉefo de la ĉeĥoslovaka revolucio li faris dum la kvar militjaroj vojaĝon ĉirkaŭ la mondon, proklamante sendependigon de lia popolo. El Svislando li venis Parizon, de tie Londonon, en printempo 1917 en la revolucian Rusujon kaj fine trans Siberio kaj Japanujo li atingis Usonon. Sub lia gvidado kaj kun efika kunlaboro de D-ro Beneŝ kaj Ŝtefánik estis kreita el la estintaj aŭstrio-hungariaj militkaptitoj de ĉeĥoslovaka nacieco centmilkapa armeo ĉeĥoslovaka, batalinta ĉe flanko de l'Entente. Lia penado estis kronita de sukceso : la nacio ĉeĥoslovaka kaj ĝia armeo estis jam dum la milito rekonitaj de l'Entente kiel nacio sampartia.

La 18-an de Oktobro 1918 Masaryk povis proklemi la ĉeĥoslovakan sendependecon Pro siaj meritoj pri reatingo de la ĉeĥoslovaka nacia sendependeco li estis elektita 1918 prezidanto de la ĉeĥoslovaka respubliko, kiun oficon li povis — laŭ la konstitucio — okupi dumvive. Kiam en 1920 kunvenis la unua elektita nacia parlamento, Masaryk estis reelektita ŝtata prezidanto, kio ripetiĝis en 1927. Masaryk ne ĉesis labori sur la kampo literatura kaj de scienco eĉ dum kaj post la milito. Inter liaj verkoj el tiu ĉi periodo evidentiĝas precipe lia verko « La Nova Eŭropo », en kiu li dum la milito formulis kaj argumentis la bezonon al postmilita reorganizo de Eŭropo, kaj « La Tutmonda Revolucio », kie li detale pritraktas sian agadon dum la milito.

Lia alta aĝo devigis lin rezigni je la prezidanteco en 1935 kaj la decidanta povo elektis D-ron Eduard Beneŝ, lian kunlaborinton, kiel ŝtatprezidanton, plenuminte kvazaŭ lastan deziron.

Per la forpaso de Masaryk malaperas plia granda figuro el la historio de la 20-a jarcento. Estimata kaj honorata de amikoj, respektata de kontraŭuloj amegata de la popolo li forlasis la mondon, ekzemplo de civitano kaj homarano.


# Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Nova adreso : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Jubilea Kongreso Varsovio

## Laborkunvenoj de UEA

La kongresprogramo indikis, ke okazas laborkunvenoj de UEA kaj de IEL. Por ebligi al ĉiu kongresano partopreni ambaŭ kunvenojn, UEA rekomendis ke la du kunvenoj okazu je malsamaj tagoj aŭ horoj. Kaj estas kvazaŭ nature, ke tion, kion proponas UEA, malrekomendas la Estraro de IEL. El tiu ĉi mallarĝa vidpunkto rezultis do la aludita arանĝo.

Lundo la 9an de Aŭgusto ptm., je la 16a horo okazis la unua laborkunveno de UEA en la kongresejo, Resursa Obywatelska. Prezidis ĝin K. M. Liniger, asistata de S-ro Kürsteiner, unu el la plej malnovaj anoj de la Asocio en Svislando, Honora Membro kaj estinta ĉefdelegito, plie Hans Jakob, estinta Direktoro kaj nuna administranto. La tagordo prezentita kaj akceptita de la kunvenintoj montris kiel traktotaĵojn:

Raporto pri la jaro 1936
Situacio de UEA en 1937
La demando pri re-unuecigo
Elekto de Honora Membro.
Ĝeneralaĵoj.

Protokolis S-ro Kürsteiner. La administranto de UEA, klarigis la raporton de 1936, jarkalkulon aperintan en **Esperanto**, Julio 1937. Tiun ĉi raporton UEA sendis al ĉiuj kongresanoj, tiel ke ĉiu estu informita, kiel tio okazis antaŭ 1936.

La bilanco pri 1936 estas provizora ĉar pri aro da aferoj ne regis plena klareco, ŝuldata al la eksterordinara situacio, kreita de la eksiĝinta komitato. Pro tiu ĉi provizoreco kaj ankaŭ pro la donitaj klarigoj detalaj en la raporto mem, la diskutado reduktiĝis je minimumo. Je pluraj demandoj, precipe je tiu pri la ŝuldo de la estinta Prezidanto (kaj komitato) al UEA, respondis vice S-ro Liniger kaj la Administranto.

Pri la situacio de UEA informis Hans Jakob, nek rozkoloriigante, nek nigrigante. Li atentigis pri la danĝereco de la nuna situacio precipe je la simpla konstato, ke sub normala tempo unu internacia organizaĵo ne povas ekzisti sendeficite el kotizoj, kaj du sekve ne povos brili. La sola arĝenta strio ĉe la firmamento estas la pli favora situacio de Svislando, sekve de la aliigo de la svisa franko, kaj la ebleco de pli racia aranĝo dank'al novaj faktoroj. Evidentiĝis ankaŭ, ke UEA povas kalkuli je sinceraj amikoj kiuj ne allasas, ke pereu Asocio tiom riĉa je glora laborado por la movado.

Al la demando farita pri la provizoreco de la nuna komitato, la prezidanto respondis, ke la elektoj okazos tuj postkiam la situacio estos klara. Tio rilatas ĉefe al la reguligo de la aferoj kun la eksiĝinta prezidanto. Sed estas antaŭvideble, ke la elektoj okazos dum Oktobro-Novembro 1937, tiel ke la nova administra jaro jam staru sub la gvido de regule elektita komitato.

Kaj fine...... venis la brulanta demando: La re-unuecigo de la neŭtrala movado. Pri tio raportis la Administranto klarigante la sintenon de la Prov. Komitato. La intertraktadoj kun IEL nur komencis, sekve la reprezentantoj de la Prov. Komitato de UEA nur povis konfirmi la decidojn jam faritajn : **Ne plu reveni je pasintaĵoj en polemika formo, klopodi ĉiel kaj ne iel por restarigi la movadon sub unueca signo, profitante de la spertoj faritaj.**

Elokvente parolis Samideano Glück admonante je **paco, konkordo, unueco.** Li esprimis tion, kion pluraj poste ripetis en alia formo. Al samideano Glück (Nederlando) tiom fervore pledante, samideano Liniger dankis, rekomendinte ke li same insistu ĉe la alia flanko, nome ĉe IEL kunveno.

La tagordo venas al la fino. La Provizora Komitato ricevis dokumentitan petskribon de nederlandaj membroj de UEA, proponante elekti maljunan kaj malnovan pioniron de la movado

**samideano Dreves Uitterdijk en Hilversum**

kiel Honoran Membron. La Komitato de UEA post ekzameno kaj konforme al la misio kiun ĝi transprenis, akceptis la proponon. La kunvenintaj membroj aprobas tiun ĉi elekton kun aplaŭdo. La tagordo elĉerpiĝis kaj la kunveno finis je 18a horo.

## Dua laborkunveno de UEA

### Vendredo 13-a de Aŭgusto

**Prezidis K.M. Liniger: Protokolis H.H. Kürsteiner.**

Tiu ĉi dua laborkunveno, meznombre vizitita, staris sub la signo de la re-unueciga demando kaj la traktadoj estis entute pri tiu ĉi temo. Raportis la Administranto, klarigante la situacion. La kunvenintoj vigle partoprenis la diskutadon pri la formo de ebla aranĝo. Por faciligi la diskutadon, la reprezentantoj de la Prov. Komitato de UEA presigis Proponon, disdonitan al la ĉeestantoj. Parolis vice samideanoj, D-ro Zamenhof, Setälä, Szabunievicz estinta rusa komitatano de UEA, F-ino Lidia Zamenhof, Herlemont, Paris, D-ro Dreher, kaj aliaj. Estas konstateble, ke regas sufiĉa malklareco pri la tuta demando, inter la esperantistoj, sekve de informoj sin kontraŭdirantaj. El la diskutado kristaliĝis fine la deziro, ke la komitato de UEA faru sian eblon por atingi tion kion ĉiuj deziras: **Konkordon kaj unuecon.**

Konfirmante jam faritan decidon de la Prov. Komitato, la reprezentantoj de UEA certigis, ke nenio estas preterlasota por respondi al ĉies deziro. Re-unuecigo povas okazi sur la bazo de la nuna statuto kaj atentante diversajn spertojn faritajn dum 1934 ĝis 1936.

La kunveno finis je 17,30.

# 29-a Universala Kongreso de Esperanto

## La Jubilea Kongreso

Varsovio, Al. Jerozolimskie 39/11, Telef. 8-87.42

*« Ora Libro »*

Kongresanoj kiuj ne ricevis la « Oran Libron » estas petataj tuj informi LKK. Sendu la precizajn adresojn, kaj 2 respondkuponojn por kovri la poŝtelspezojn.

*Kongresaj dokumentoj.*

Samideanoj kiuj ne povis partopreni la Universalan Kongreson en Varsovio kaj volas ricevi ĉiujn kongresajn dokumentojn /1800 gr./ bonvolu sendi 7 respondkuponojn aŭ egalvaloron por kovri la poŝtelspezojn. Al la helpkongresanoj ni mem sendos.

*« La Jubilea »*

Volonte ni sendos al ĉiu 7 numerojn de la oficiale gazeto de la 29 Universala Kongreso « La Jubilea » kontraŭ 2 respondkuponoj.

*Memoraĵoj el Varsovio.*

Restis 32 serioj po 10 fotografaĵojde Varsovio kun esperanta surpreso. Volonte ni sendos seriou por 2 respondkuponoj.

*Broŝuroj pri Varsovio, Krakovo, Vilno, Gdynia.*

Al ĉiu ni volonte sendos la broŝurojn. Nur ne forgesu aldoni 1 respondkuponon por kovri niajn poŝtelspezojn.

*« Literatura Mondo »*

Baldaŭ ni komencos dissendi kiel memoraĵon pri la Kongreso la polan numeron de « Literatura Mondo ».

*Mantelo.*

Iu sinjorino forgesis en Akceptajo mantelon. Kiu ?

*Danko.*

LKK plej kore dankas al ĉiuj, kiuj helpis en la aranĝoj laboroj de la Kongreso kaj partoprenis ĝin.

Represo estas petata.

LOKA KONGRESA KOMITATO.



# Dreves Uitterdijk Honora Membro de UEA

Nederlanda pioniro, de frisa deveno, naskiĝis 1866. Verkis 1900 la unuan nederlandan lernolibron kun duobla vortaro kaj mem eldonis ĝin. Fondis la periodaĵon « Holanda pioniro », 1902. Helpis lin en la sindona laborado samideanoj Romein, Bulthuis, Baart de la Faille, Geerlings kaj aliaj. En Boulogne 1905 li estis elektita en la Lingvan Komitaton.

Centoj da paroladoj, artikoloj, donis la grundon por la hodiaŭ



bela movado en Nederlando, kies nacia societo « La Estonto estas nia » estas fondaĵo lia. Modesta kaj honorevitema li daŭre klopodas en sia loĝloko, kie la domo **Esperanto** estas konata same bone kiel la Hiacinta Strato kie ĝi staras. Dum la unua nederlanda Kongreso (1925) okazinta en Hilversum oni honoris lin per transdono de arĝenta laŭrokrono. Lasta dokumento de lia laboremo estas la verko « Aventuroj de Sro. « Longkrurulo », originalaj versaĵoj.

# 3a Kongreso de I.E.P.

## Parizo Aŭg. 7-12 1937

Emocia sceno okazis en la Tria Kongreso de la Internacio de Proleta Esperantistaro kiam alvenis Kamaradoj Hernandez kaj Bosk, kunredaktoroj de la ŝatata Hispana gazeto « **Popola Fronto** ». La du redaktoroj ricevis aplaŭdan akcepton ; oni invitis ilin al honoraj lokoj inter la Prezidantaro, kiujn ili okupis dum la daŭro de la Kongreso. Krome, kune kun Kamarado Azorin, alia Hispana vizitanto, ili akceptis de la Kongreso, Honoran Membrecon de I.P.E.

La Kongreso disponis al la Hispanaj vizitantoj plenan laborkunsidon kiam ili parolis pri la nuna situacio en Hispanio kaj respondis al multaj demandoj. Je la fino de la kunsido la Kongresanoj kolektis sumon de pli ol 200 fr. fr. kiun la du redaktoroj forportis al Hispanio.

Alia elstara punkto de la Kongreso estis la ĉeesto el la Hispana Fronto de Rumana soldato el la Internacia Brigado. Li ricevis specialan forpermeson el la Fronto por ke li ĉeestu la Kongreson. Li kunportis salutleterojn al la Kongreso de sia propra Brigad-bataliono kaj de Generalo Mangada Ludwig Renn, bone konataj Esperantistoj. Li reportis al siaj Brigadanoj kvanton da sapo cigaredoj kiujn donacis la Kongresanoj.

Multaj sindikat-filioj kaj ne-esperantistaj laboristaj organizoj sendis salut-leterojn al la Kongreso en kiuj ili esprimis sian ŝaton al la praktika kunliga laboro inter ne-esperantistaj laboristoj kiun plenumas la sekcioj de IPE.

La tono de la tuta Kongreso estis por unuecigo de ĉiuj laboristaj esperantistoj por pli bone utiligi Esperanton serve al unueco inter la laboristaro de ĉiuj landoj.

Inter la plej gravaj decidoj de la Kongreso estis la translokigo de la IPE-centro al Londono kaj de la redakcio de la IPE-gazeto « **Sur Posteno** » al Belgio. La adreso de la nova IPE-Centra Oficejo estas: Organiza Sekretario, Mrs G. M. Keable, 35, Lidfield Road, London N. 16. Britio.

La Kongreso sendis specialan rezolucion al la Hispana Ambasadoro en Francio en kiu ĝi esprimis plej fortan subtenon al la Hispana Registaro.

Kun granda entuziasmo la Kongreso decidis okazigi sian venontan Kongreson en Barcelona, Hispanio.

# Korespondado

*Amsterdam* (Nederlando).
S-ro N. Zilver z. Jansestraat 53, PM. PI.

*Frankfurt am Main -West* (German.)
S-ro Rudolf Meyer Rödelheimerlandstrasse 24, PM, prefere Eŭropo kaj kolonioj. Certe respondos.

*Mukaĉevo* 3 (Ĉeĥoslovakujo).
S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj, naciajn kantojn.

Moskvo.- S-ro Nikolao N. Ŝaŝkin, Čistie prudi no. 9 kv.l., PI - PM,

*Artikolojn pri literaturaj okazintaĵoj* en Ĉeĥoslovakio ricevas senpage kunlaborantoj de literaturaj gazetoj de: S-o Václav Ŝavel, Straŝnice, Rybníĉky, PRAHA. Anoncu vin al serioza kunlaborado.

*Torva* (Estonio).
S-ro Eduard Karulin, Valga Tän. 21, L., PM., PI., PK bfl., k.ĉ.l. Certe respondos.

# Tra la libroj

# Foliumante novajn verkojn...

### Lingvo-normigo - Literaturaĵoj: Koro, de E. de Amicis; Juneca ardo

Iom paradokse estas nun tralegi gravan sciencan libron, kiu konfesas la gravecon de Esperanto, kaj estas verko de Germana scienculo! Sed ja ne malpli valorigas ĝin, aŭtokrata decido de nekomprenema registaro. Temas pri: **Konturoj de Lingvonormigo en la Tekniko**, de **Dro Ing. Eugen Wüster**, en lerta traduko de **Dro Emil Pfeffer.** Ĝi estas esperantigo, laŭ resuma eldono de germana verko: «Internacia lingvo-normigo en la tekniko», aperinta en 1931, kun oficialaj helpoj, kaj kiu vekis meritan atenton ĉe rondoj sciencaj kaj lingvistaj. Por sciencisto, lingvo estas ilo, kaj devas ankaŭ submetiĝi al leĝo de ŝparo kaj celeco; do normigi oni devas ne nur objektojn, sed ankaŭ ties nomojn. Taŭga solvo de tiu postulo devas kunligi ekonomiecon kun justeco.

Ke streĉe laŭtemaj estas la ĉapitroj, ke ilin oni devas malrapide legi kaj atente pripensi, pri tio oni ne miros. Sed la scivolema leganto estos rekompencata, ĉar ĝis nun ni ne havis tiel precizan analizon pri la konsisto de lingvo, ja de lingvo laŭ scienca vidpunkto, cetere plena je trafaj rimarkoj. Jen kelkaj hazarde elektitaj.

«De la ekspedado de l'penstrezoro oni devas postuli plej malgrandan ŝarĝoperdon kaj la plej malgrandan fort-elspezon, per aliaj vortoj: precizecon kaj oportunecon.» «La plej disvastigita hindoĝermana lingvo, la angla, koncerne la unusilabecon de la vortoj, estas survoje egaliĝi al la ĉina.» «Elkomputado de tekstoj montras ke la vortoj en Angla kaj Franca lingvoj mezmezure estas pli mallongaj ol en Germana kaj Itala.» «Al la bona parolebleco estas malutila la amasigo de konsonantoj, sed la frazkomprenebleco de la longvortaj lingvoj Germana kaj Itala estas pli granda ol tiu de la mallongvortaj lingvoj Angla kaj Franca.» «La lingva pureco de iu sonformo, t.e. ties sona asimilo al ĉiu aparta nacia lingvo, kaj la internacieco de la sonformo estas bedaŭrinde postuloj rekte kontraŭdiraj.»

La aŭtoro bone pruvas kiel, atentante ĉiujn sekvojn kaj rilatojn devas labori iniciatanto de neologismoj, kaj certe multaj principoj kaj reguloj de la scienca lingvonormigo estas aplikeblaj al la esperanta vortfarado. Ĉu por nia lingvo ankaŭ, oni ne povus aserti: «La sekvoj de tute libera lingva evoluo estas: malbona lingva formo, plursenseco kaj plurnomeco.» Ne nur la konsisto de la lingvoj en si mem estas studataj, sed ankaŭ la sistemoj de formuloj, mallongigoj, signoj kaj simboloj. Ankaŭ prave la aŭtoro rimarkigas ke se, unuflanke, vortojn, precipe sciencajn, unu lingvo ĉerpas ĉe alia, aliflanke ekzistas nuntempe ĝenerala tendenco formi novajn vortojn, eĉ sciencajn, el la nacilingva grundo kaj forpeli la t.n. fremdvortojn. Li aldonas ke: «Helpa internacia lingvo estas necesaĵo eĉ por taŭga scienca normigo kaj havos konsiderindan rolon en la akcelo de l'scienca evoluo.» Nek latino — en ĝi, el la 25000 nocioj de elektrotekniko eĉ ne unu ekzistas, — nek angla lingvo — la interligo inter la skribmaniero kaj la prononco estas en la angla multe malpli regula ol en la aliaj ĉeflingvoj, — taŭgas kiel bazoj por internacia scienca normigo; planlingvoj povas alporti solvon; kaj inter ili Esperanto estas la plej uzata kaj laŭ multaj flankoj la plej perfekta. «Malgraŭ sia granda esprimkapablo, Esperanto estas tamen tiel oportuna kaj adaptiĝema instrumento, ke por ekzercitaj Esperanto-sciantoj estas, laŭsperte, pli facile traduki el la gepatra lingvo en Esperanton ol inverse.» Konklude: «Ankaŭ la kreado de fakesprimoj en la plastika Esperanto kostus malpli multe da laboro ol la internacia lingvonormigo per la naciaj lingvoj. Sed, plie, Esperanto estas ne nur postulo de l'ekonomieco, sed almenaŭ samgrade de l'justeco.» «Honorkonscia nacio povas partopreni en la internacia kunlaboro nur sur la bazo de l'egalrajteco.»

Dumlonge, la konata Zamenhofa: Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia, restis la plej riĉa kaj fidinda fonto da argumentoj por nia propagando. Nun ĉe la sciencaj rondoj, konturoj de la Lingvonormigo en la Tekniko, povas ludi saman rolon. Kaj la lingvaj kondukantoj de nia lingvo estus kulpaj ignori verkon, kiu por ĝia estonta disvolviĝo estas instruplena.

---

La fama verko de **E. de Amicis, Koro**, unu el la plej belaj libroj por junuloj jam meritis ampleksan disvastiĝon en la originala itala lingvo, kaj per cento da diverslingvaj tradukoj. La sentemo de l'aŭtoro, per simplaj stilaj rimedoj, iel rekte resonigas la animon de l'leganto, kaj tio komprenigas la sukceson de tiu priskribo de la lerneja vivo, vera poemo de la junula animo, kaj samtempe patra konsilaro pri la familia moralo, pri la patriota devo. Se la verko jam iom datas laŭ la nuntempaj preferoj, se partoj aperas iom burĝaj, tro edifaj, iom militemaj, malgraŭ tio la alta homa idealo, la bona eduko, kiujn intence instruas la aŭtoro per siaj rakontoj restas efika kaj foje, vole nevole, larmoj ekaperas ĉe okulangulo, tiom kortuŝe sciis la verkinto paroli al kaj pri la knaboj.

La libro konsistas el mallongaj ĉiutagaj raportoj kun la pripensoj, agoj, spertoj, travivaĵoj, liaj rilatoj kun la kamaradoj, ties portretoj, kun la instruistoj; kaj inter ili ŝoviĝas la t.n. monataj rakontoj, legaĵoj pri heroaj agoj de knaboj, per kiuj la instruisto elvekas la senton pri homa kaj nacia devo.

La esperanta traduko, de anonimulo, ankaŭ estos ŝatata en la medio de l'knaboj, kaj eĉ de iliaj gepatroj; nur negravaj punktetoj gramatikaj estus en ĝi riproĉeblaj; ĝenerale oni plezure legas ĝian simplan, klaran stilon tre konvenan por tiucela tekstaro. La bela volumo estas plie tre zorge eldonita kaj lukse bindita.

Ankaŭ priknaba historio, sed treege malsimila, estas **Juneca Ardo**: ĝi malkaŝas, diras la aŭtoro **N. Bartelmes**, la animstaton de seniluziiĝinto. Juna homo rakontas al knaboj sian vivon kaj tiun de amiko lia, la tuto miksita kun tronaivaj infanajoj kaj sociaj klasbatalaj teorioj. Tre dube estas ĉu tia tendenca teksto, kiu apogas sin sur sufiĉe interesa psikologia memanalizo, povas plaĉi al la elektita aŭdantaro. Ankaŭ malplaĉas la aludoj al ribeloj, punoj, monstra sintenado ĉe instruantoj, kruelaĵoj de policanoj, k.t.p. Ĉe la fino, la heroo mortas post falo de aviadilo kiu ĝuste trafas kinematografon, kie liaj konatuloj ĉeestas kaj kiu bruladas; tiu tuta aranĝo ne estas tre kredinda. Se la stilo mem de tiu originale verkita libro estas laŭdinde bona, la temo, kun tro da ĉirkaŭiroj, nenecesaj verajoj, troigoj, ŝajne maltrafas sian celon: varbi junulojn al revolucia partio; je sia aĝo, feliĉe, la knaboj ne havas specialan intereson pri politikaj aŭ psikanalizaj demandoj.

4 Septembro 1937. G. S.

---

## El Regno de Eŭterpo

**Redaktas: Hillar Sakaria, diplom. muzikartisto, Tallinn**

### Himnaro de la nacioj

#### Pola

**(Jeszcze Polska nie zginęla)**

La mondfama pola himno («Jeszcze Polska nie zginela») havas tre interesan historion, detale esploritan, tamen ne tute klarigitan. Ekzemple, oficiale en 1927 aprobita eldonaĵo de la pola himno diras, ke la «aŭtoro de la melodio estas nekonata». Laŭ *tradicio* la komponinto de la mazurkeca muziko estis grafo Oginski, sed ĉu Miĥaelo Kasimiro (mort. 1803) aŭ Miĥaelo Kleofaso (mort. 1833)? — Ni konas du tekstojn de la himno. La nuntempe kantata, tute prave oficialigita, estas la *origina*, verkita de Józef Wybicki en 1797, dediĉita al la pola legio, formita dum 1796 en Milano kaj batalinta por Napoleono en Italujo, gvide de generalo **Jan Henryk Dombrowski** (1755-1818). La dua teksto, kies solaj kvar komenclinioj estas samaj kun la unua teksto, gloras generalon Jan Boncza Skrzynecki (1786-1860), al kies persono sin poste turnis la admira favoro de la polaj soldatoj, ludinta gravan, sed fine malfeliĉan rolon en la polaj-rusaj bataloj.

Peco da brila sange-glora, tamen pro altanimaj, kuraĝaj herofaroj profunde emocia, pasinteco vivas en tiu senpretenda, sincera kanto ĉe kies sonoj pli vigle ekpulsas la koro de ĉiu polo. Foliuminto de la flaviĝintaj paĝoj de la historio de tiu granda nacio certe kunsentos kaj komprenos tiun sinceran kortremon: estas universala komune-homa sento.

La himno pola estas kantata kaj ludata ĉe naciaj festoj kaj okazaĵoj. Ne ekzistas speciala regulo por la ĉeestantoj, sed oni demetas ĉapelon kaj ekstaras.

### Ankoraŭ Polujo ne pereis!

*Teksto: Józef Wybicki.* *Trad. A. Grabowski.*

*Pola lando ne pereis, —*
*Ni en viv' ĝin tenos*
*Kion fremda forto prenis,*
*Ni per fort' reprenos.*
*Marŝu, Dabrowski! El itala lando*
*Al patruj' nin gvidos Via ĉefkomando!*

*Ni transiros Wisla'n, Warta'n,*
*Estu land' libera!*
*Nin instruis Bonaparte*
*Pri la art' konkera.*
*Marŝu, Dabrowski! El itala lando*
*Al patruj' nin gvidos Via ĉefkomando!*

*Jen kiel Czarniecki brave*
*Gvidis la polaron,*
*Ni — por landon gardi save —*
*Jetos nin trans maron.*
*Marŝu, Dabrowski! El itala lando*
*Al patruj' nin gvidos Via ĉefkomando!*

*Al filino patro diras*
*Kun okul' plenlarma:*
*— Aŭdu, ŝajne, poloj iras*
*Kun tambur' alarma!*
*Marŝu, Dabrowski! El itala lando*
*Al patruj' nin gvidos Via ĉefkomando!*

**LA POLA HĪMNO**

Movrapideco: M.M. ♩=92 — Muz. de anonimulo

Solene

mf Po-la lan-do ne pe-re-is Ni en viv' ĝin te-nos Kion fremda for-to pre - nis Ni per fort' re-pre-nos Mar-ŝu Da-brow-ski el i-ta-la lan-do Al pa-truj' nin gvi-dos Via ĉef-ko-mando

(Noto de la redakcio). La nuna teksto devis aperi jam en Julia numero de ESPERANTO, sed mankis certaj informoj. Ni dankas tie ĉi al la bonvolaj kunlaborintoj — F-ino Halina Weinstein en Varsovio kaj al S-ro Jerzy Szkot — El la du tekstoj senditaj ni kompilis la nunan. Rilate je la traduko de la himno ni — pro respekto al la unua poeto esperantista, Antoni Grabowski — uzis lian tradukajon.

### Notoj

Lastatempe maloftiĝis invitoj al eksterlandaj muzikartistoj viziti USSR = on. La kontraktoj kun eksterlandanoj ĝis nun tie agintaj ne plu estas renovigatoj, eminenta pola direktanto Eugen Szenkar, sukcese propaginta rusan muzikon en Parizo, ĝis nun Moskva ĉefmuzikdirektoro, estas police devigita forlasi Rusujon.

* *

La kantfesto de la Asocio de Svedaj Horoj okazos 1940 en Goteborg dum 3 somertagoj, kun kvin koncertoj. La Asocio havas 12.000 membrojn, do partoprenos, antaŭvideble. proks. 6.000 gekantistoj.

* *

En la universitato Jena estas fondita la unua german lingva Katedro pri popolmuzikscienco, La unua profesoro Dr. Heinrich Müller estas konata redaktinto de 13 = voluma kanto -kaj melodikolekto «La Kanto de la popoloj».

* *

Kvar grandaj simfoniorkestroj de Parizo regule ricevadas ŝtatan subvencion: la orkestro de la «Koncertsocieto» (fondita en 1828 nuna direktanto-Philippe Gaubert); la orkestro «Colonne» (fondjaro 1873; nuna dir.: Paul Paray); la orkestro «Lamoureux» (fond. 1882; dir.: Eugène Bigot) kaj la orkestro «Pasdeloup» (fond. 1861, refondita en 1928; dir.: Albert Wolff). Ankaŭ du parizaj operoj ricevas subvenciojn: La Granda Opero» (kunsia 700 = ana personaro) 5 milionoj kaj la «Opéra-Comique» (kies nomo estas tradicia, ne karakteriza! — kun 500 pers.) 3 milionojn da frankoj.

# Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

XIII.

*(sekvo)*

Por klare juĝi pri la senfina disputo inter konservuloj kaj progresemuloj kiuj luktas kaj luktas ankoraŭ por nia lingvo, ni rememoru kelkajn elementajn verajojn. Natura lingvo akiriĝas, de buŝo al orelo, dum infan-jaroj, kiam ĉiu nova vorto sigeliĝas en la cerbo per la sentoj kaj impresoj de la koncerna objekto, kiam la parolo funkcias paralele kun la viva uzado, plena je agoj, bezonoj, emocioj kaj volstreĉoj. Tial, ĉiu konata vorto, en la momento de aŭdado, elvokas ĉe aŭdanto tutan aron da travivaĵoj, asociataj kun la pasinto kaj direktaj al estonto. Konkreta, fiksita en milionoj da animoj ĉiutage uzata, la lingvo natura ekzistas per si mem, sendepende de libroj, gramatikoj, vortaroj. Sur la bazo de la natura lingvo (langajo) povas konstruiĝi lingvo literatura, ŝtata, faka, parte artefarita kaj multe dependa de libroj, kiuj ĝin fiksas, igas rigida kaj komplike reguligas. Fine, lingvo artefarita originas kaj bazas ekskluzive sur presitaj libroj, kaj ĝi estas studata aŭ per libroj, aŭ en kursoj, kie instruanto prezentas ĝin teorie, kiel skemon de regula gramatiko, kaj « praktike », kiel aron da librecaj frazoj, palaj vortoj, kies enhavo povas nur iomete vigliĝi per la suko de la patrin-lingvo de lernantoj. Malakordo inter diversaj naciaj lerniloj transiras en diversajn grupojn da lernantoj de artefarita lingvo, kaj tiel subfosas ĝian unuecon. El tio sekvas, ke same kiel natura lingvo evoluas nature, — artefarita lingvo povas evolui per konscia regulado, per arto. Evoluigi naturan lingvon arte — estus ĝin nenaturigi. Lasi artefaritan lingvon al la natura evoluo, — estus ĝin malreguligi, ruinigi ĝian harmonion, facilecon kaj fiksan klarecon.

De la jaro 1887 ĝis 1907, tio estas de la komenco ĝis la Ido-skismo, Zamenhof kaj ĉiuj liaj disĉiploj unuanime pensis, ke Esperanto be zonas esti plibonigata, kompletigata, ke ĝiaj mankoj kaj primitivaj miskvalitoj devas esti iom-postiom forigataj, laŭ la indikoj de la praktika uzado, la sola kriterio por la lingvo.

,En 1905, antaŭ, dum kaj post la Unua Kongreso, ĉiuj konsentis, ke necesas korekti la lingvon. Zamenhof, en sia projekto de « Tutmonda Ligo Esperantista », proponas ke la « Centra Komitato » (de tiu nerealigita ligo) okupu sin je plibonigoj de la lingvo, kaj ke la ĉiujara Kongreso havu la rajton fari necesajn ŝanĝojn en la lingvo. (Vidu : « Kongresaj projektoj. 1905. Boulogne-sur-mer »). Projekto de Aymonier (Grenoble) proponas : Estos starigita « Akademio Esperantista » kiu decidos absolute ĉiujn demandojn, ĉiujn punktojn pri la lingvo. Solene sankciita Deklaracio de la Unua Kongreso diras : « ... ideon, kiu ne povas esti oportune esprimata per ţiu materialo, kiu troviĝas en la undamento... ĉiu esperantisto havas la rajton esprimi en tia maniero, kiun li trovas la plej ĝusta... ». La antaŭparolo de la Fundamento, libro sankciita de la Unua Kongreso, diras : « ... malgraŭ la severa netuŝebleco de la Fundemanto (libro), nia lingvo havos la plenan eblon ne sole konstante riĉiĝadi, sed eĉ konstante pliboniĝadi kaj perfektiĝadi... » En la projekto de la Regularo ni legas : « El la Lingvokomitatanoj, elektitaj dum aŭ post la Bulonja Kongreso, konsistas ĝenerala Konsulta Komitato, komisiita por zorgi pri la konstanta pureco de la Lingvo Esperanto kaj certigi ĝian disvolviĝon kaj normalan evolucion laŭ regulaj vojoj. »

En 1907, dum ekflamis la skismo, tiamaj ĉefoj subite ŝanĝis sian opinion pri la lingvo. En la « Lingvo Internacia », pariza gazeto de la libreldonejo (Presa Esp. Societo) aperas polemiko, kiu pli kaj pli proklamas Esperanton lingvo preta elprovita, taŭga. « *Vivanta lingvo de la vivanta popolo* » — tia estis nova devizo, lancita en 1907, kaj poste pompe ripetita en 1909, 1912 k. a. kiam fervoraj adeptoj sin donis ekskluzive por la ekstera propagando.

Tiu devizo ŝajnis al ĝiaj lancintoj tre lerta likvidilo de la skismo kaj de la tuta reforma problemo. Efektive, la devizo laŭte laŭdis Esperanton, kvazaŭ sankciis ĝian definitivan triumfon konstatis la ekziston de la popolo esperantista, popolo vivanta, kiu uzas lingvon vivantan, do ne plu artefaritan projekton. Aliflanke, la deklaro, ke Esperanto estas vivanta lingvo, tute same kiel ĉiu nacia, tiu deklaro kondamnis ĉiujn reformojn, ĉiujn emojn plibonigi, ĉiujn dezirojn plireguligi aŭ purigi la lingvon Esperanton... Ĉu vere tiom bezonas ŝanĝojn aŭ plibonigojn lingvo, kiu en la lastaj jaroj tiel mirinde montris sian universalan taŭgecon ?... Certe, kiel ĉiuj vivaj lingvoj, Esperanto evolucios, sed tia evolucio devas esti natura, kaj ne povas esti la rezulto de teoria, sistema ŝanĝo... Lingvo internacia, estante nur, kiel ĉiu lingvo nacia, simpla interkomprenigilo, tute ne bezonas teorian perfektecon... Esperanto fariĝis vere lingvo vivanta, parolata kaj skribata, egale kiel la naciaj lingvoj... Esperanto devas evolucii mem, kaj oni ne devas evoluciigi ĝin... » (El la LINGVO INTERNACIA 1907-1908).

La konservuloj, kiuj en 1907 estis plimulto da ĉefoj, adoptis do la dogmon de la « natura evolucio » kaj proklamis Esperanton lingvo preta netuŝebla, vivanta kun ĉiuj siaj mankoj, kapricaĵoj kaj eraroj. Je la nomo de la unueco ili postulis la fidelecon... al la Fundamento, al la fundamenta lingvo, al la Zamenhofa lingvo, kaj fine al la oficiala lingvo.

Plej obeema esperantisto, tamen, estas embarasita, se li volus fideli al la lingvo Esperanto, kiel tion postulis la konservuloj. Efektive, por esti fidela, oni bezonas havi antaŭ si ian sankciitan libron kun ia kodo, regularo, statuto. Nenio tia ekzistas en Esperantujo. La Fundamento silentas pri plimulto da lingvaj demandoj, estante tro nekompleta. La Zamenhofa lingvo varias de jaro al jaro, prezentas kontraŭdirajn konsilojn, malsamajn uzojn, neakordajn ekzemplojn. La « Lingvaj Respondoj » pliigas la kaoson, konsilas ion, kaj dek liniojn poste — malkonsilas ĝin. La « oficiala lingvo », tia kia ĝi montriĝas en la broŝuretoj de la Lingva Komitato, estas samtempe: kontraŭfundamenta kaj kontraŭdira en si mem. La oficiala lingvo ne respektas la Fundamenton, falsigas la lingvon de Zamenhof, kaj mem detruas sian laboron, faritan antaŭe. Kiam iu novulo skribas al la Akademio, petante klarigon pri iu duba kazo, li aŭ nenion ricevas, aŭ ricevas nebulan respondon, en jena stilo : « tiu demando ankoraŭ ne estis studata... tiun demandon baldaŭ la Akademio, pri tio la Akademio ne rajtas decidi, sed la vivo mem tion fiksos... bonvolu tion prezenti per la regula vojo, indikita en la regularo »...

(Daŭrigo sekvos.)

## Foirismo

### Rio de Janeiro

**12 Oktobro ĝis 15 Novembro 1937**

La deka internacia specimena foiro de Rio de Janeiro denove eldonis du belajn presaĵojn : 1. Afiŝo kaj 2. belega prospekto, faldebla kun 32 bildoj kaj situacia plano de la foira spaco. La Foiro de Rio de Janeiro akiris gravan pozicion kiel elmontro de la ekonomia kaj industria kapableco de Brazilo. La progresemon de la direkcio de la Foiro pruvas la daŭra uzado de la internacia lingvo en la reklamado.

Intereseuloj povas ricevi ekzempleron de la prospekto pere de la Reklama Servo de UEA, Genève.

### Reichenberg Liberec

Por la tiujara Foiro okazinta 15-22 Aŭgusto, la Foira Direkcio eldonis plurkoloran afiŝon kun teksto en Esperanto, plie sigelmarkojn.

### Vieno

Bela faldprospekto multkolora invitas al la nunjara foiro de Vieno, okazinta la 5-12 Septembro. La prospekton ni nur ricevis post tiu ĉi dato.

# Sub tondilo de leganto

### Svisa gazetaro

Svislando estás la plej gazetoriĉa regno. Ne konsiderante fakkaj ĝeneralajn revuojn, oni kalkulas, ke en Svislando estas por 8000 loĝantoj, en Germanujo per 18700 en Usono por 61000, en Britujo por 177000 loĝantoj unu gazeto. Oni kalkulas en Svislando 520 politikajn gazetojn, 1080 revuojn, fakajn familiajn kaj specialajn. Ĉiutaĝe 120 taggazetoj elvenigas 1 450 000 ekzemplerojn.

### Biblio-traduko

Por la loĝantoj de la deksep insuloj nomataj Faeroer, troviĝantaj inter Skotlando kaj Islando, kaj apartenantaj al Danmarko ekzistas nun traduko de la biblio, farita de la preposto. La lingvo de la loĝantoj estas malnov-norda, konserviĝinta ĝis nun.

### Korespondaĵoj oficiale sekurigataj

Laŭ gazetinformo, la ĉeĥoslovaka poŝta administracio preparas specialan poŝtmarkon. Tiu-ĉi poŝtmarko certigas amantojn, ke iliaj korespondaĵoj ne estos donotaj al aliaj ol destinitaj adresoj..

La poŝtmarkoj kun triangula formo kostos 0.50 kč., kaj estos aldonotaj al la ordinara afranko. Tiel afrankitaj korespondaĵoj estas transdonotaj nur al la adresito persone.

### Varbado

El alvoko de la Urbestro de Praha : Praha-anoj ! Ni memorigas vin, ke nun dum la sezono kiam alvenas en Praha gastoj el la tuta mondo, vi memoru je la tradicia ĉeĥa gastameco. Je ĉiu demando respondu bonvole kaj afable ridetante. Vi ĉiuj estas gastigantoj ; estu agrablaj gastigantoj, al kiuj oni pensas kun ĝojo...»

### Enigmo-solvado

Ambaŭflanke de la grandaj usonaj transkontinentaj stratoj estas starigataj afiŝkolonoj kiuj portas en lumantaj literoj taskon solvi enigmon, aŭ kiuj rakontas per malmultaj vortoj iun laŭtempan ŝercon. Tio celas eviti, ke la aŭtomobilistoj endormiĝu dum veturado.

### Kalkulmaŝino

La Statistika Oficejo de la Usona Registaro en Vaŝingtono konstruigis por la sumo de ne malpli ol 560 000 dolaroj, kalkulmaŝinon, kiu estas la plej granda kaj la plej komplika modelo ĝis nun konstruita. La maŝino konsistas el 26000 unuopaj partoj kaj ĝi plenumas en unu laborturno de 17 minutoj la laboron ĝis nun faritan de 20 bonaj kalkulistoj dum unu monato. (Forschung und Fortschritt.)

### Kolumbo kaj Ameriko

Ke la vasta kontinento kiun oni nomis Ameriko'n estis trovita de Kristoforo Kolumbo por tio ne ekzistas la dubo. Ke jam pli frue, aventuremaj vikingoj atingis la bordojn de la alia mondo ankaŭ pri tio oni konsentas. Sed leganto de la revuo de l'Generalo Ludendorff (ĝi havas la pompan titolon : Ĉe la sankta fonto de la germana forto) lernas kun surprizo la jenon :

« Post nelonge aperos nova sensacia komunikaĵo pri Kristoforo Kolumbo. Estos farataj revelacioj pri fama falsigo de la historio. La aŭtoro pruvas sur 56 paĝoj, ke ne Kolumbo malkovris Amerikon, ke li estis nenio alia ol la instrumento de la eklezia politiko de Romo. Romo (tio estas la Vatikano) laŭdire posedis geografiajn kartojn, kiujn desegnis la nordaj vikingoj, la veraj malkovrintoj de Ameriko. Tiel oni deŝiras la maskon de la vizaĝo de Kolumbo ; plie la fama ĝenovano prezentiĝas al ni kiel duon-juda hispano. »

(Antaŭ multaj jaroj oni kantis :

Ci ja estas freneza, kara in' Iru do rapide al Berlin'.

### Prudeco

Kelkaj centoj da statuoj kaj bildoj troviĝantaj en la galerio de Filadelfio (Ameriko) estos vestataj proksimtempe. Tiu ĉi ago rezultas el decido de la urba registaro kiu sekvis premon de la plej potenca virina organizaĵo. La urba registaro do decidis, ke ĉiuj artverkoj, nesufiĉe vestitaj, devas esti kovrataj, ĝis la publika senso de prudeco ne plu povos esti ofendata.

### Jubileo de fama biblioteko

Dum pasinta monato la Urba Bibiloteko de Augsburg povis festi la 400 jaran ekziston. Kiel pruvas dokumentoj, ĝi estas efektive la plej malnova de ĉiuj publikaj bibliotekoj en Germanujo, fondita en jaro 1537. Ĝi posedas valoregajn librotrezorojn, multnombrajn manskribaĵojn kaj ampleksa kolekto de maloftegaj inkunabloj, plie kolekton de biblioj, inter ili la kompleta traduko de la Nova Testamento el jaro 1350.

### Poŝtmarkoj

S-ro Ante Marinović, Del. de UEA en Janjina Jugoslavio, Dalmacio, P. M. k. ĉ. l.

## Ĉeĥoslovaka Radio-Bulteno

**7a de Oktobro**

22.35 - 23.30 met., Brno, Praha I., Mor. Ostrava kaj LYON P.T.T. **Esperanta horeto**

**LA KISO**

Opero en du aktoj de Smetana. La tekston laŭ K. Světlá verkis Eliška Krasnohorska. Tradukis kaj kunligajn vortojn verkis J. V. Samla. Kantos anoj de la landa operejo en Brno. Ludos la orkestro de la Verda stacio, estrata de Jan Plichta.

La personoj kaj rolantoj :

Patro Paloucky/baso/ .... Vlad. Jedenáctik.

Vendulka, lia filino/soprano/ .... Vera Strelcová.

Lukas, juna vidvo/tenoro/ ...... Joseph Válka.

Tomes, lia bofrato/baritono/ .... Václav Bednar.

Martinka, maljuna onklino de Vendulka/aldo/ ........ Marie Zalabáková.

Matous, maljuna skribisto/baso/ ...... Vlastimil Sima.

Barce, servistino ĉe Paloucky/soprano/.... Marie Bakalová.

Horo de vilaĝaj gejunuloj kaj de kontrabandistoj.

**ATENTIGO KAJ PETO.**

Nia oktobra horeto estas grava ne nur pro tio, ke ĝi prezentos jam la duan operon en Esperanto perradie, sed ĉefe pro tio, ke okazas la unuan fojon, ke la Esperanto-horeto de Brno estas relajsata per fremdlanda radiostacio, nome per la stacio Lyon P.T.T.,/staciostro sam-ano Emile Borel/. Ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn kaj amikojn, ke ili nepre ĉie disvastigu la konon pri tiu-ĉi elsendo, por ke ĝi trovu plej grandan, ĝis nun akiritan eĥon. Ni estas certaj, ke ĉiu samideano senescepte plenumos nian peton kaj helpos al tio, ke la dissendado de LA KISO fariĝu vera manifesto de nia movado.

## Rido sanigas

S-ro X. petas de certa advokato konsilon :

— Kion mi faru, se knabo frakasis la fenestrojn de mia hejmo ?

— Petu kompenson de lia patro.

— Nu, donu al mi 100 frankojn, ĉar via knabo frakasis ilin.

— Bone, ĉar mi kutime petas 200 frankojn kiel honorarion, vi nun ŝuldas al mi nur ankoraŭ 100 frankojn.

**Malvarmsango.**

Iam, en spektaklejo, ekestas brulego. Tuj, panike kuras ĉiuj al la elirejo, okazante teruran malordon.

Tiam sinjoro, kiu ne perdis ĉian memkonscion, suriras sian sidlokon por alparoli la timemulojn per tiuj vortoj :

— Gesinjoroj, ekzistas nenia danĝero. Mi petas vin, pro Dio, reiru viajn lokojn trankvile.

Lia certigo imponis la forkurintojn, kiuj, trankviligitaj, residiĝis. Kaj ĉiuj estis mortbruligitaj.

**Perfekta edzino.**

Mi vidas plezure, ke depost via edziĝo neniam plu mankas eĉ unu butono ĉe viaj vestaĵoj.

— Jes, vere mia edzino estas perlo. Tuj post nia geedziĝo ŝi instruis min mem kudri ilin.

Fondinto : H. Hodler, † 1920

Redakcio : Tour de l'Ile, Genève.
Red. : Provizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)

Dato : 25 Septembro 1937